vi ankaŭ... kara infanino! por ke viaj okuloj akiru lumon kaj via brusto spiru sen premiĝo... sen larmoj, nek ekĝemoj... ĉar kun via malgaja beleco, vi ŝajnas al mi dolorata virgulino de tiu ĉi peniga kalvario de la vivo...

MAR. Ne logu la imagadon per tiel plaĉiga perspektivo... Mi bone scias, ke ĝi ne okazos. Jozef-Ludoviko ne estas malsana, nur kredas sin malsana...

EMAN. Vi ĝuste trafis!

MAR. Li estas nature malgaja kaj kontentiĝas per malgajeco... La lumo lin doloras!... Eĉ ne proponu al li tiun vojaĝon... Iru vi sola...

EMAN. (*Kun malvigleco*). Sola?... Sola, ne!

## SCENO II

LA SAMAJ *kaj* JOZEF-LUDOVIKO (*Eniras sekreteme*)

MAR. (*Renkontiĝante subite kun li, ektimigita*). Ve!

EMAN. Jozef-Ludoviko!

JOZ. Ĉu mi ektimigis vin?

MAR. Vi eniris subite... Ĉu vi ne sonorigis?

JOZ. Juljano estis eliranta...

MAR. (*Flanken*). (Ne estas dubo, li kunportas ŝlosilon por eniri neaŭdate... Kion li suspektas de mi? Dio mia!)

EMAN. (*Al Jozef-Ludoviko*). Kontraŭ vi... ne, pli bone, por vi ni estis konspirantaj...

JOZ. Jes, mi jam rimarkas, ke vi estas ĉiam kune... en konspirado, videble.

MAR. (*Flanken*). (Lia suspekto estas terura! Mia koro

indignas... ĝi jam estas kolero, pli ol malĝojo, kion mi sentas...)

EMAN. Ni havas planon...

JÓZ. (*Ŝajnigante gajecon*). Ĉiu unu planon, aŭ ambaŭ la saman?... Ĝi estas kurioza, hodiaŭ ni ĉiuj donis nin al la farado de planoj... Mi havas alian.

EMAN. Ni vidu.

JOZ. Ne. Ni vidu unue la vian. Mi ne volus, ke la mia ĝin malaranĝu,

EMAN. La afero estas pri vojaĝo...

JOZ. Pri vojaĝo?... Ĉu oni devos do kredi pri tio, kion oni nomas sugestio en malproksimeco? Pri vojaĝo ankaŭ estas mia plano... (*Firme*). Tiun ĉi semajnon mi veturos Parizon kun Mario.

MAR. (*Flanken*). (Li malkonfidas pri mi! Li volas min disigi de sia frato!...)

EMAN. (*Kun esprimo de strangeco*). Tiun ĉi semajnon?...

JOZ. Oni parolis al mi pri negoco en projekto... Mi iros ĝin studi, kaj okazokapte mi plenumos mian promeson al Mario.

EMAN. Mi kredis, ke vi iros ripozadi. Vojaĝo por negocoj... ne penindas!...

JOZ. Mi bedaŭras vin forlasi... Sed vi ja scias, ke vi povas restadi ĉi tie tiom longe, kiom vi volos. La domo estas je via dispono.

EMAN. (*Seke*). Dankon. (*Flanken*). (Li min elpelas de ĉi tie... mi ne volus kompreni kial!)

MAR. (*Ne povante sin deteni*). Tiel urĝa, do, estas tiu vojaĝo? Cu ni ne povus atendi?

EMAN. (*Helpante*). La Pariza klimato en tiu ĉi sezono ne estas tre favora al via malsanado.

JOZ. (*Suspekteme*). Estas sprite! Vi senĉese disputas

por ke mi lasu miajn aferojn, foriru de Madrido kaj penu min distri... kaj nun kiam mi jen proponas tion, ĝi malplaĉas al vi kaj vi kontraŭstaras.

MAR. (*Protestante*). Kontraŭstari? Ne.

JOZ. Kia estis via plano? Tiu plano, kiun vi estas kombinantaj tagojn kaj tagojn, en longaj sekretaj interparoloj...

MAR. Sekretaj, ne... Ciu ajn povas ilin aŭdi. Emanuelo proponis vojaĝon tra Italujo...

JOZ. (*Intence*). Li povas ĝin fari.

EMAN. (*Decide*). Mi ekveturos hodiaŭ vespere.

MAR. Ĉu vi foriras?

JOZ. Li jam restis longe ĉi tie... Li eble enuas.

MAR. Sed hodiaŭ vespere... tiel, subite.

EMAN. (*Al Mario*). (Mi foriras, antaŭ ol oni min elpelos).

MAR. (Li komprenis!... Mi mortas pro honto!)

EMAN. Mi iras pretigi ĉion... Baldaŭ mi lasos vin trankvilaj. (*Eliras*).

## SCENO III

JOZEF-LUDOVIKO *kaj* MARIO

JOZ. (*Gaja kaj animita kvazaŭ li estus formetintan de si ŝarĝon*). Tiel ni povas forveturi sen zorgo... Ni luos domon en Parizo... ni povas konduki tien la servistoj... Vi vidos, kiel tie ni iros ĉiuloken, al teatroj, al festoj... kiaj estas tiuj teatroj! Kia lukso!... Vi ja vidos... Kaj por vi, virinoj, tie estas pli da ĉarmoj, la vendejoj, la bazaroj... Ĉu vi ne aŭdas min?... Ĉu vi estas

malgaja?... Ĉiam malgaja kun mi!... Ĉu malplaĉas al vi la vojaĝo?... (*Senpacienca, kun malmildeco*). Kion vi bedaŭras lasi? Kial vi estas malgaja?

MAR. Jozef-Ludoviko, ĝi estas terura, kion vi faris!... Unuafoje mi hontis pri io! Via frato komprenas, ke vi estas ĵaluza... Kion li pensos pri mi? Ke mi estas tia virino, pri kiu oni povas suspekti tian malgloron? Ĉu vi pensis pri tio?... Vi ne pensis, same kiel vi ne vidas, ke de kelkaj tagoj mia vivo estas infero, ke mi sentas min mortanta... ke mi ne povas plu!

JOZ. Kie ne estas kulpo, ne estas malkonfido, ke oni ĝin suspektu. Se Emanuelo komprenas, kio okazas ĉe mi... li antaŭe estas kompreninta kio okazas ĉe li.

MAR. Vi estas blinda, Jozef-Ludoviko, vi estas freneza! Kiel naskiĝis ĉe vi tiu suspekto?... Nur en ĵaluza deliro vi povis suspekti pri via frato... Sed pri mi? La ofendo estas tiel kruela, ke eĉ kredante ĝin frenezaĵo, mi ne povas ĝin pardoni! Kian malsaĝaĵon, kian nesindetenon, kian facilanimaĵon almenaŭ vi vidis en mi, por kredi ĝin ebla?... Tian estimon mi meritis de vi?... interŝanĝe de tio, ke mi dediĉis al vi mian tutan vivon!... Kaj mi ja nur vivis por vi? Ĉu oferita?... Ne, ĉar amo neniam sin oferas... plaĉigita, ĉar mia sola feliĉo estis vidi vin feliĉa apud mi... kaj mi ne sukcesis! Vi neniam estis! Ĉe kio estis por mi plaĉa devigo, farita sen peno, vi vidis malvolontan submetiĝon. Ĉu vi pensis, ke amo nur povas vivi kaj ĝui en vivo de festoj, de plezuroj, kaj ke mia amo ne povos daŭri alimaniere? Ĉu vi ne vidis en mi plaĉon?

Ĉu vi ne vidis virtecon?... Tiel, do, mi estis por vi la sklavino perforte submetita, ne la virta edzino, la edzino kristana... kiu eĉ nun, vidanta rompitan la aman kunligon, humiligita, ofendita... estos fidela, estos honesta... ĉar mia patrino, honesta, kristana kiel mi, sciis enigi en mian animon, per la varmeco de preĝoj kaj kisoj, senton pli profundan, ol ĉiuj korinklinoj, ol ĉiuj homaj pasioj... Sanktan timon antaŭ Dio! Kaj se eĉ ĝi mankus al mi, la rememoro pri mia patrino min savus... Je Dio kaj je mia patrino mi estas honesta!

Joz. Vi estas, jes! Mi ne povus ne kredi tion! Por vi ne estis ofendo... Ĝi nur estas, ĉar mi scias kiel multe vi valoras kaj mi kiel malmulte... Mi scias, ke mi ne meritas vin kaj mi timis, ke oni rabu al mi vian amon... Vi ne scias, kiel mi vin amegas! Neniam mi sciis tion diri al vi!... Mi estas tiaspeca... Mi volus, ke neniu konu kiom vi valoras... eĉ vi mem ne!... Tial mi neniam diris ĝin al vi... ke nur mi vin amu.. kaj nur al mi vi ŝuldu amon!... Egoismo, jes... sed por mi ja nur via amo estis en la mondo!... Malkonfido pri mi, jen kio estis mia ĵaluzo... Mi ne devis dubi, mi scias, ke ne... Pardonu... Ĝi estas mia malbeno: dubi pri ĉio...

Mar. (*Kompatanta lin*). Jozef-Ludoviko, vi portas malamon en la koro, kiu malfeliĉigas vian vivon.

Joz. Pro Emanuelo, jes!... Li estas kulpa!

Mar. Li ne estas kulpa.

Joz. (*Ne aŭdante ŝin, fundesplorante en siaj rememoroj*). Ĉiam apud vi!... Instigante vin kontraŭ mi, akrigante senĉese sian spriton por min

malkaŝe pikkritiki!... kaj vi aŭskultanta lin en ravo... (*Ekmovo de Mario*). Kaj ĉiam kune!... Kiam mi eliris, eĉ unu solan fojon, revenante, mi ne vidis tion, ke li estas en via ĉambro... kaj la interparolo estis daŭrinta longe... Ĉiam restis tri aŭ kvar finoj de cigaroj en la cindrujo...

MAR. Eĉ tion ririmarkis via ĵaluzo!

JOZ. Mi ĉion pririmarkis!... Emanuelo vin amas... li estas deloganto, li estas cinika... multaj skandaloj estas en lia vivo... Li malvarme subfosas, atendas... Eĉ nun, se vi rememoras liajn interparolojn kun vi, vi rimarkos malicajn frazojn, kiujn vi ne atentis antaŭe... Certe, li parolis al vi pri amo... rimarkigis vin pri la unutoneco kaj malgajeco de nia vivo, parolis al vi pri aliaj ĝuoj, pri aliaj emocioj... pri arto, pri vojaĝoj... metis romanojn en viajn manojn, por ke ili parolu por li pli elokvente... Li starigis sieĝrondon ĉirkaŭ via spirito, por vin almiliti... Pripensu, rememoru.

MAR. Ne, mi ne trovas lin kulpa; eĉ reserĉante plej multe... Li ĉiam traktis min, kiel fratinon. Vi estas nejusta kontraŭ li, Jozef-Ludoviko, unu fojon ankoraŭ mi diras al vi tion.

JOZ. Nur ĉar vi lin amas malgraŭ vi!... Car li subjugigis vian imagadon, vi lin komparis kun mi... Li estas juna, belsintena, komplezema, viglesprita... Malgraŭ vi mem, vi komparis lin kun mi!... Malgraŭ vi mem vi bedaŭris, ke el la du fratoj mi ne estas tiu, kiu venis el malproksime!... Eble la ideo pri mia morto... mi estas malsana... se vi estus libera, ho! mi estas certa, ke vi ambaŭ pensis tion... vi kaj li kiel mi estas ĝin pensinta... Jes, jes .. Li kontraŭ mi, mi apud

vi... Eĉ kontraŭvole oni ne povas tion ne pensi!

MAR. Jozef-Ludoviko! Tio estas jam frenezo. Se vi tiel parolas, mi kredos, ke vi estas malsana, kaj kiel malsanan oni devos vin trakti.

JOZ. Malsana? Ĉu vi diras freneza? Ho se tio feliĉe estus!... Pro kompato vi estus dononta al mi la amon, kiun mi perdis... Ne, vi ne povas min ami! Malfeliĉo mia! Malgraŭ ĉio mi volas por mi vian tutan amon kaj ĉiufoje mi pliperdas ĝin!... Pardonu al mi Mario! Kompatu min! Se mia amo estas amo, ĉar ĝi estas amo; se ĝi estas frenezo, ĉar ĝi estas frenezo,... ĉiel mi bezonas vian amon... Vi estis la sola amo en mia vivo!... Se mi scius, ke mi estas perdinta vin por ĉiam, ke mia vivo estas malhelpo por la via... ke sen mi vi estus feliĉa... Mi sen ia ajn dubo min memmortigus... kaj sen tio, ke vi ĝin suspektu por ne lasi al vi konsciencan riproĉon ĉe via feliĉeco!... (*Ploras*).

MAR. Ploru, Jozef-Ludoviko! Ploru! La larmoj malpremas la koron.

## SCENO IV

LA SAMAJ *kaj* EMANUELO

EMAN. (*Parolante kun Juljano ĉe la pordo*). Jes, reprenu ĉion. Sendigu ĉion al la hotelo... Mi tuj iros... (*Alproksimiĝante*). Mi decidis mian foriron... Mi venas diri al vi adiaŭ, (*Kortuŝita*), danki vin por ĉio... peti de vi pardonon...

JOZ. (*Decide*). Emanuelo... ĝi ne estas mia kulpo.

por esperanto, permesis al S-ro Ŝarapova la tradukon de du el liaj verkoj, kaj li difinis por tio, la «Morton de Ivan Iljiĉ» kaj «Suatan Kafejon».

**Svedujo.**—S-ro Backman intencas organizi rondvojaĝon tra la Nordaj Landoj por liaj plej lertaj lernantaj knaboj. Ili trairos Kopenhagon, Kiel'on, Lubeck'on, Hamburgo'n, Altona'on, Berlin'on kaj Dresden'on kaj ili kantos deklamos k. t. p., por bona propagando de esperanto.

**Usono.**—Fondiĝis grupoj en la Crozer'a Seminario kaj en Ogden'o; en Washington la agrikulturaj oficistoj, kaj en Ottavon, Internacia Asocio de Arbaristoj, kiu eble eldonos gazeton organon.

En New-York komenciĝis la esperanta eniro per la laboroj de S-ro King kaj dudek kunuloj de li varbitaj.

**Hispanujo.**—Lia Moŝto S-ro Josefo Sanchez Guerra, Ministro de Publikaj Laboroj, ĝentile akceptis esti inskribata en la «Honoran Komitaton de la Kongresoj». Dankegon!

En Vitoria'o ni jam havas grupon, kies komitato estas S-roj Otero, Prezidanto; Corona, Vic; Moreno, Sekretario; Cartan, Kasista; Monton, Bibliotekisto; Codina, Carné, Junquitu kaj Aguirrebengoa, Voĉdonantoj.

En la biblioteka salono de la Palaco de Belartaj de San Sebastian'o okazis disdono de diplomoj al la tieaj gelernantoj de esperanto. La nelacebla propagandisto pastro skolapiulo Planas faris belegan paroladon.

«El Porvenir» el Cartagena'o publikigas tre bonan artikolon de Esperantisto n.° 18.645 tradukinte hispanen alian de nia kara kolego «La Ondo de Esperanto» ĉe kiu esprimas bonegan opinion pri esperanto el Moskvo'a profesoro Brandt, posedanto je dek-kvin lingvoj.

La Oviedo'a ĵurnalo «La Opinión Asturiana» per tre bona artikolo titolita «La verda stelo», de nia entuziasma samidea-

el esperanto, ha permitido al Sr. Ŝarapova la traducción de dos de sus obras y ha elegido para ello «Muerte de Ivan Iljiĉ» y «Café de Suat».

**Suecia**—El Sr. Backman intenta organizar un viaje de circunvalación á través de los Países del Norte, para sus discípulos muchachos más despejados. Irán á Copenhague, Kiel, Lubeck, Hamburgo, Altona, Berlín y Dresden, y allí cantarán, declamarán, etc., para la buena propaganda del esperanto.

**Estados Unidos.**—Se han fundado grupos en el Seminario de Crozer y en Ogden; en Washington los empleados de Agricultura, y en Ottava una «Asociación Internacional de Ingenieros de Montes», que probablemente editará una revista.

En New-York ha empezado la entrada del esperanto mediante trabajos del señor Kiug y veinte compañeros reclutados por él.

**España.**—El Excmo. Sr. D. José Sanchez Guerra, Ministro de Hacienda, atentamente ha aceptado ser inscrito en el «Comité de honor de los Congresos». Muchísimas gracias.

En Vitoria tenemos ya un grupo, cuyo Comité lo forman los Sres. Otero, Presidente; Corona, Vice; Moreno, Secretario; Cartan, Cajero; Monton, Bibliotecario; Codina, Carné, Junquitu y Aguirrebengoa, Vocales.

En el salón de la biblioteca del Palacio de Bellas Artes de San Sebastián, ha tenido lugar la distribución de diplomas á los estudiantes de esperanto de ambos sexos de allí. El incansable propagandista padre Planas, escolapio, hizo un magnífico discurso.

El «Porvenir de Cartagena» publica un artículo muy bueno del esperantista núm. 18.645, habiendo traducido al español otro de nuestro querido colega «La Ondo de Esperanto», en el cual espresa magnífica opinión respecto al Esperanto el profesor de Moskou, Brandt, poseedor de quince lenguas.

El diario de Oviedo «La Opinión Asturiana», por muy bien artículo titulado «La verda stelo», de nuestro entusiasta

no S-ro Francisco Fernandez Braga, interesas la starigon de esperanto en la Asturias'an regionon.

La Burgos'aj ĵurnaloj sin okupas pri la senĉesa laboro de la tie ĉeestanta Direktanta Komitato de nia «Hispana Societo por propaganda de Esperanto». Ĝiajn gravajn decidojn oni vidas en alia loko de tiu ĉi numero de nia publikigado. Ni, pro ili, kore kaj respekte gratulas niajn indajn gvidantojn.

samideano Sr. Francisco Fernández Braga, interesa la instalación del esperanto en la región asturiana.

Los diarios de Burgos se ocupan de la incesante labor del Comité Director de nuestra «Hispana Societo p. p de Esperanto» allí establecido. Sus importantes determinaciones se ven en otro lugar de este número de nuestra publicación. Nosotros á consecuencia de ellas, con cariño y respeto felicitamos á nuestros dignos guías.

# La Konstanta Komitato de la Kongresoj

Petas la Esperantistojn kaj la Societojn kaj Grupojn, kiuj havas proponoj por fari, rilate al la temoj studotaj de la Kvina Kongreso, ke ili volu skribi ilin, al la Prezidanto de la Konstanta Komitato, 51, *rue de Clichy*, *Paris*.

Tiu petu koncernas eĉ la personojn, kiuj jam eventuale publikigis proponojn en ĵurnaloj. Povas okazi, efektive, ke tian proponon, kiel ajn interesan ĝi estas, ne rimarkis la Komitatanoj; kaj, oni havos la certecon ke ĝi estos konsiderata de ili, nur se ĝi estas sendita oficiale al la Prezidanto.

La Komitato memorigas, pri tio, la jenajn artikolojn de la Kongresa Regularo:

Art. 3-a. Celo de la Kongreso estas la esploro de ĉiuj demandoj komuninteresaj por ĉiuj Esperantistoj, kun escepto de la religiaj, politikaj kaj socialaj demandoj, kiuj ne devas esti tuŝataj en Kongresa kunsido, kaj de la lingvaj demandoj, kies esploro kaj solvo, estas rezervitaj al la Lingva Komitato.

Art. 4-a. Povas esti priparolataj nur la temoj enskribitaj en la tagordon. La temoj, akcepteblaj laŭ artikolo 3-a estas sempere metataj en la tagordon, se ilia esploro ne postulas specialistan kompetentecon.

La temoj, kies priparolado postulas tian kompetentecon, estas metataj en la tagordon, nur post esploro de specialista sekcio.

# Memorindaj datrevenoj de Julio

1.—1894. Enterigo en Parizo de la franca prezidanto Sadi Carnot.
2.—1881. Atenco kontraŭ Garfield, prezidanto de Usono.
3.—1778. Mortas la glora literaturisto, filozofo, muzikverkisto kaj botanikisto I. J. Rousseau.
4.—1776. Deklaracio de la sendependenco de Usono.
5.—1899. Superakvego en Texas, kaŭzante multajn viktimojn.
6.—1765. Anglujo redonas Havano'n al Hispanujo.
7.—1808. Josefo Bonaparte ĵuras la konstitucion de Bayona.
8.—1621. Naskiĝas la famekonata fablisto Lafontaine.
9.—1746. Mortas en Madrido la reĝo Filipo V de Hispanujo.

10 —1841. La glora hispana oratoro Aŭgusteno Arguelles estas nomata zorganto de la Reĝino.
11.—1897. La neforgesinda esploristo Andreé eliras aerostate al Norda Poluso.
12.—1855. Mortas Tieck, germana tradukinto de la «Kinoto» de Cervantes.
13.—1793. Carlota Corday, mortigas la politikulon Marat.
14.—1807. Naskiĝas la glora poeto kaj dramaŭtoro Ventura de la Vega.
15.—1811. De Parizo alvenas en Madridon Josefo I.
16.—1898. Kapitulaco de Santiago de Kubo.
17.—1854. Ribelo en Madrido (Hispanujo) kaj estas bruligata la Palaco de la Reĝino Kristenino.
18.—1374. Mortas en Arqua la glorega itala poeto Francisko Petrarka.
19.—1899. Tertremo en Romo (Italujo).
20.—1304. Naskiĝas en Arezzo la glorega itala poeto Francisko Petrarka.
21.—1814. Ferdinando VII restarigas la Inkvizicion en Hispanujo.
22.—1822. Mortas en Liorna la poeto Shelley.
23.—1885. Mortas la generalo Grant, eksprezidanto de Usono.
24.—1794. La franca revolucia tribunalo mortekondamnas Andreo Chenier'on aŭtoro de «La Judit».
25.—1855. Grava tertremo en Eŭropo, precipe en Alsacia, Svisujo kaj Milano.
26.—1882. Unua prezentado en Bayreuth de la opero «Parsifal», de Wagner.
27.—1830. Unua tago de la franca revolucio.
28.—1794. Estas ekzekutata Robespierre kaj 20 el siaj partianoj.
29.—1099. Mortas en Romo la papo Urbano II.
30.—1900. Estas mortigata en Monza la itala reĝo Humberto I.
31.—1822. Mortas la famekonata germana novelisto Hoffmann.

Kolektis kaj tradukis,
ESPERANTISTO 17.206.

---

# Gazetara Statistiko

## Unua kvaronjaro de 1909-a

Dum tiu kvaronjaro ni ricevis la jenajn esperantajn gazetojn:

«Voĉo de Kuracistoj», «La Revuo», «Franca Esperantisto», «Norvega Esperanta Gazeto», «La Esperanta Instruisto», «Informaj Raportoj», «Internacia Socia Revuo», «Paris-Esperanto», «La Holanda Pioniro», «Sarta Stelo», «Amerika Esperantisto», «Tra la Filatelio», «La Esperantisto», «Trezoro de l' Sorĉistoj», «La Suno Hispana», «Le Monde Esperantiste», «Bulletin Groupe-Creusot», «Dia Regno», «Kuba Stelo», «Esperanta Meksiko», «La Pioniro», «Greklingva Esperantano», «Tutmonda Espero», «Lingvo Internacia», «Sciiganto», «Esperanta Gazeto», «Svisa Espero», «Pola Esperantisto», «Notizie Esperantiste», «Dana Esperantisto», «The Australian Esperantist», «Eno Esperantista», «La Spritulo», «Germana Esperanto-Gazeto», «Normanda Stelo», «Rumana Gazeto Esperantista», «Espero Katolika», «Export Esperantist», «Juna Esperantisto», «The Esperanto Student», «Belga Esperantisto», «The British Esperantist», «Esperanto», «Oficiala Gazeto Esperantista», «La Bela Mondo», «Norda Gazeto», «La Ondo de Esperanto», «Ruslanda Esperantisto», «Eŭropa Kristana Celado», «Antaŭen Esperantistoj!», «La Verda Standardo», «La Du Steloj», «Brazila Esperantisto», «Verda Stelo», «Ĉasopis Ĉeskych Esperantistu», «Internacia Scienca

Revuo», «Samideano Ciumonata», «Rumana Esperantisto», «Kroata Esperantisto», «Germana Esperantisto», «Japana Esperantisto», «Portugala Revuo» kaj «Hungara Esperantisto».

La esperantemajn gazetojn:

«Le Phare Stenographique» kaj «Welt-Warte».

Kaj la reformemajn:

«Progreso», «L' Esperantiste» kaj «La Belga Sonorilo».

---

Ni ne ricevis la jenajn gazetojn.

«Esperanta Ligilo», «Stelo de l' Oriento», «Frateco» kaj «Estlanda Esperantisto».

---

Jen la novaj gazetoj aperantaj dum la unua kvaronjaro de 1909-a:

«Franca Esperantisto», (3 fr.), 4 fr.—46, Boulevard Magenta. *Paris.*—Francujo.

«Norvega Esperanta Gazeto», (2 fr., 10), 2 fr., 80. Sondregate, 4, IV. *Christiania.*—Norvegujo.

«Trezoro de l' Sorĉistoj», *Leeds.*—Esperanto House.—Anglujo.

«Dia Regno», 2 fr., 25.—Strasse, 66. *Mühlheim a. Reim.*—Germanujo.

«Kuba Stelo», 5 fr.—Calvario A. 10. *Santiago de Kubo.*—Kuba Insulo.

«Esperanta Meksiko», Perpétua, 5. *Meksiko.*—Meksiklando.

«La Pioniro», 2 fr.—VI, Nagymezó ú. 12, 1|16. *Budapesth.*—Hungarujo.

«Greklingva Esperantano», 3 fr —Grupo Esperantista de *Samos.*—Grekujo.

«Export Esperantist», 2 fr., 50.—404, Securitty Buiding. *Chicago Ill.*—Usono.

«La Ondo de Esperanto», 2 fr., 65.—Tverskaja, 28. *Moskvo.*—Rusujo.

«Hungara Esperantisto», 2 fr., 75 Alphár. U. 8. *Budapest.*—Hungarujo.

«Portugala Revuo», 5 fr.—215, rua del Rosario. *Porto.*—Portugalujo.

A. N.

# Progresado de Esperanto

STATISTIKO DE LA UNUA KVARONJARO 1909ª

| | 5 Januaro | 5 Aprilo |
|---|---|---|
| KONSULURBOJ | | |
| En Eŭropo | 254 | 266 |
| En la tuta mondo | 303 | 319 |
| SOCIETOJ | | |
| En Eŭropo | 992 | 1.099 |
| En la tuta mondo | 1.242 | 1.418 |
| ESPERANTA GAZETARO | | |
| | 78 | 86 |

# Spritludoj kaj Diversajoj

**Sub la redakcio de Novejarque (Anĝelo)**

## AKROSTIKA VERSAĴO KAJ ĜIA AŬTORO

★★ e..i. ..a.a, .e. i..i..e.a..e
.a. e. .o..e..a★i'
.i ..o.i.i. .o.★.o. .i. .i.a★★★
e. a.a .e..o...i'

.ia .o.e.' .e.★.e .u. .o.i.i.
.a★.' a. ★a★★..e.i,
«.i .e .o.a. .a .i.o.?—.i .u. .i.i.—
.e★o.u .i. ★. .i!»

Anstataŭ la *stelojn* per literoj (*vokaloj* kaj *konsonantoj*) kaj la *punktojn nur* per *konsonantoj*, tiamaniere ke ĉiuj literoj esprimu VERSAĴON. La literoj anstataŭitaj per steloj, legataj laŭ la sama ordo esprimos la *nomon de la aŭtoro de l' versaĵo.*

---

## HIEROGLIFO

C
E

*Rimarkoj.*—La *solvojn* de tiuj ĉi *Spritludoj* ni presos en nia venonta numero.
Ni publikigos la *nomojn de la solvintoj*, (kiuj ĝustatempe sendos sian solvon), en nia postvenonta numero.
La solvoj devas esti sendataj poŝtkarte.

---

Solvintoj de la Sprituludoj publikigitaj en la Maja numero:

De la *Aritmetika Spritludo:* F-inoj Josefino Estopiñá kaj Mario Balanzá, el Valencio (Hispanujo); S-ro Julien Herla, el Verviers (Belgujo).

Solvoj de la Spritludoj de la Junia numero.—De la *Kriptografio:* Dividu la figurajôn laŭ la du jenaj pecoj:



kaj vi legos en ĉiu el ili:

E S
T I F L A
G O P
O R Ĉ I
U J V E
N T O
J




unu *proverbon*, nome:

1.ª Peco: «*Esti flago por ĉiuj ventoj.*»
2.ª Peco: «*Paroli kiel presita libro.*»

---

De la *Hieroglifo:* (Antaŭ-TA-Go) Antaŭtago.

PENSO

—Malfeliĉa virino estas floro elmetita al nordvento, ĝi restadas fermita longatempe, kaj apenaŭ ĵusmalfermita, ĝi ...kas».—*Isabelo de Rumanujo.*

SPRITAĴO

*Saĝa Profesoro.*

...oni parolas en ia rondo pri iu Lingva Profesoro.

—Li estas la homo plej saĝa, kiun mi konas—aldiras unu el la ĉeestantoj.

—Kial?

—Ĉar li povas diri «Mi amas» naŭdiverslingve kaj li ankoraŭ diris tion per neniu.

UTILAJ KONINDAĴOJ

Kiam en la gorĝo enpenetriĝis dorno, decas tiam engluti krudan ovon; preskaŭ ĉiam, tiu ĉi trenas la dornon.



Surverŝante iom da citronsuko en la akvon per kiu oni kuiras la rizon ĝi ebligos ke la grajnojn restu disigataj unu de la alia.

PROVERBO

«Azeno orhavanta, ĉion atingas.»

LASTAJ VORTOJ DE FAMULOJ

«Ĉu mi bone ludis la komedion de la vivo? Se mi ĝin plenumis bone, aplaŭdu!» (La imperiestro *Aŭgusto* tuj mortonta).

ANEKDOTOJ

*Ravoj de la muziko.*

En la kapelo de la malfeliĉa franca reĝo Ludoviko XVI-a, okaze de Sankta Semajno estis kantata iam la «Miserere» de la komponisto Lully. Ĝi estas tro longedaŭra kaj la reĝo restis genufleksata dum la tuta religia ceremonio kaj sekve ĉiuj kortegranoj ankaŭ restis genufleksataj. Kiam la ceremonio finiĝis la monarho al kiu la muzikon de Lully treege estis ŝatinta demandis la grafon de Grammont, kiu estis tre proksime:

—Kiel ŝajnis al vi la muziko, Grafa Moŝto?

—Via Moŝto—respondis tiu ĉi,—por la aŭdado ĝi estis bonega; sed por la genuoj, abomeninda.

*Distraĵo de Scienculo.*

Unu tagon la servistino de Newton avizis lin trifoje, ke lia matenmanĝo estis pretigata surtablo, kaj li, priokupata de iaj algebraj kalkuloj, ne atentis la avizon nek iris al la manĝoĉambro.

Post du horoj solvinte la problemojn Newton sentis apetiton, sed dum tiu tempo hundo estis manĝinta lian matenmanĝon kaj la servistino hontiĝinta kaj ne volante konfesi sian malzorgon, nek la manĝegemecon de sia amata hundo, senkulpiĝis dirante al scienculo, ke li estis manĝanta siatempe. Oni diras, ke Newton kredis tion, malgraŭ la protestoj de lia stomako.

NAIVECO PRO NESCIO

*Sur ferdeko.*

Sinjorino rigardas tre atente la horizonton. Subite ŝi ekkrias:

—Neeble! Malgraŭ ke mi penas, mi ne povas ĝin vidi.

—Kion vi volas vidi?—demandas ŝin kunŝipvojaĝanto.

—La Ekvatoron! Hodiaŭ frumatene diris la ŝipestro ke ni ĝin trairos tage.

KURIOZAĴOJ

La virina cerbo malplipeziĝas depost la tridekjara aĝo.



Oni kalkulis, ke se la tuta Oceano senakviĝus kaj ĉiuj riveroj daŭrigus enverŝante siajn akvojn en ĝin, ili bezonus kvardek-mil jarojn por replenigi ĝin.

MEMORINDAJ DIROJ

Katilina rimarkigis al Ciceron lian humilan devenon.

—Mi konsentas pri tio—respondis Ciceron—mia nobeleco komenciĝas ĉe mi, sed ĉe vi finiĝas la via.

★

La famkonata filozofo Polemon vivadis turmentita mane kaj piede pro la podagro, kaj tre ofte li diris al siaj amikoj:

—Kiam mi volas manĝi, tiam mi ne havas manojn, kiam mi volas piediri tiam mi ne havas piedojn, sed por suferadi mi ĉiam havas piedojn kaj manojn.

Tradukis esperanten, *Novejarque* (*Anĝelo*).

# ANONCOJ



Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.

